56 Num. ★ Madrido - Marto - 1922 ★ VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



MONSERRAT

# KLERIGU

(*Paroloj de la famega hispano Emilio Castelar*)

Per ĉiu infano instruota ni gajnos viron.

La nescio naskas la krimon; la nescio estas malheleco, kie komenciĝas abismo tra kiu rampas la prudento, en kiu la honoro pereas.

Ĉiu homo, kiu malfermas libron, trovas en ĝi flugilojn per kiuj li povas flugi alten, al la altajoj en kiuj la animo sin movas plenlibere.

La lernejo estas sanktejo kiel kapelo.

La alfabeto, kiun la infano lernas, entenas virton sub ĉiu litero, kies elradio lumigas dolĉe la koron.

Donu al la infano librojn adekvatajn. Iru antaŭ li tenante lampon por ke li povu vin sekvi.

La nescio naskas la eraron, kaj la eraro naskas la atencon.

Manko de instruado donas al la ŝtato besto-homojn, nekompletajn cerbojn, dangerajn instinktojn, blindajn terurajn; estojn, kiuj iras kvazaŭ blinduloj tra la morala mondo. Lumigi la spiritojn estas nia unua devo, ni faru, ke la cerbo plej malnobla fariĝu lumo.

Ni devas klerigi la intelektojn; la ĝermo rajtas fariĝi frukto, kaj kiu ne pensas, ne vivas.

Ni honsciu, fine, ke la lerneje faras la kupron oro kaj ke la nescio transformas la oron plumbo.

---

MALNOVAJ RAKONTOJ

# "TERRA-COTTA"

Jen du statuoj maldelikataj, brunaj, el tiu miksajo, kiun la Italoj nomas «terra-cotta», modelitaj ne de la sama artisto. Ambaŭ modelitajoj ornamas antikvan meblon. Tie staras pro decido de la sorto kaj ordono de la hazardo, inter senvalorajoj kaj bagatelajoj de eraranta vendisto kolportanta la vendotajojn; la figuroj staras unu kontraŭ la alia, konservante ekvilibron preskaŭ nestareman, kiun kiu ajn movo povas detrui.

Unu el ili reprezentas sklavon romanan: lia sola vestaro estas ĉifonigita tuniketo malpura, subtenata de rimeno sur la talio. Liaj brakoj kaj kruroj estas nudaj; ĉe lia kolo, ferkoliaro lutita montras ĉi tiun gravuritan frazon: «Servus sum rustici». La alia reprezentas modernan laboriston de minejo: truigita pantalono kaj ondiĝanta kitelo ŝirmas liajn krurojn kaj trunkon. Nenio ŝirmas ceteron de lia korpo. La maldekstra mano tenas lanternon; la dekstra, fosilon. Lia gesto ne aperas malpli sulkigita ol tiu de lia mizera najbaro.

Ili estas parolintaj. Ĉio parolas al tiuj, kiuj sciaŝ diveni. Iliaj paroloj estas estintaj koncizaj kaj malĝojaj.

—Mia nomo estis *Vindex*, kaj mi estas el Galujo. Militkaptito de *Cesar'*, mi zorgis, unue la hundojn de *Cayo Pretena*, sub la vipilo de la centestro, kaj poste, mi plenigis la amforojn de *Rustico* apud la triklinio (1); mi purigis lian *pretexta'n* (2) tagon, kaj, fine, oni min jetis al sovaĝaj bestoj ĉar mi kristaniĝis kaj ĉeestis la sekretajn kunvenojn de la «filoj de la visko» (3). *Numida* (4) leono mortigis min.

—Mia nomo estas Johano, kaj mi estas vaska. Mi naskiĝis laboristo, kaj malsato kondukis min al minejo. Tie, sen lumo, sen aero, sen nutrajo, mi laboris dum dekdu sinsekvaj horoj, krevite de la pezo de la mineralo. Fine, kunigite al aliaj kamaradoj, mi pereis dum ribelo. Mi estis pli malfeliĉa ol vi: mortigis min similulo.

—De mia mizero en vian pasis dudek jarcentojn—estas dirinta *Vindex*—. Vi ne konis la *ergastulo'n* (5); vi ne vidis en la turmentejo la ridojn de la nobeloj pro viaj doloroj; vi estis libera.

—Libera! - ekkriis Johano -. Kio estis al via edzino kaj al viaj filoj?

—Mia kunulino mortis ĉe *Flavia* reliefbrodante ŝiajn tunikojn. Filo mia, fine, sur-

metis la ĉapon de liberigito; alia mortis sklavo de *Trimalcion*.

—Oni prostituigis mian edzinon unue poste oni forlasis ŝin al mizero; malsato kaj malforteco mortigis miajn filojn.

—Malsato! Neniam mi ĝin konis. Mi ne estus estinta tiel valora, se mi estus malsatinta. Sed, ĉu vi ne gajnis salajron?

—Ĝi estis nesufiĉa... Mia mastro nenion estus perdonta pro mia morto, kiel via estus perdonta per via malsato.

—Min doloris la spektablo de la riĉegeco de aliaj, terura konstrasto je mia mizerego. *Séneca* kaj *Herodes Ático* posedis milionojn da *sesterciojn* (6).

—La riĉegeco fremda! Neniam kiel hodiaŭ ĝi sin montras tiel senhonta kaj terurigа. Mi sentis malsaton, malvarmon, soifon; mi vidis apud mi mem la plej bongustajn kaj delikatajn manĝaĵojn ne povante gustumeti ilin; la vivallogilojn plej allogantajn, ne povante ilin ĝui iam; mi sciis pri la plej mirigantaj spektakloj, kiujn neniam mi povis ĉeesti: al vi ne okazis tio. Oni ne nomis vin libera civitano moke, kiel oni nomis min; nek vi ekvidis kulturon, kiun oni neas al mi, nek vi vidis viulojn diboĉigitajn de la aliaj kaj de la propra mizero. Vi estis pli feliĉa ol mi!

—Via esprimmaniero tremigas min, via sintenado timigas min. Sub via vestaro mi divenas ion kaŝitan. Ĉu ĝi estas armilo?

—Ne; ĝi estas libro.

- Ĉu ĝi estas libro kaj vi vin nomas sklavo?! Vi scias deĉifri tiujn signojn, verajn enigmojn de la estonteco kaj vi vin juĝas servutulo, kaj vi vin klinas peti al la forto tion, kion la racio povas doni al vi! Vi povas rememori la pasinton, koni la estanton, antaŭsenti la venonton, supreniri ĝis la konstelacioj kaj malsupreniri ĝis la profundaj internaĵoj de la patrino Tero, lokumi en vian cerbon la ideon rompontan viajn katenojn, kaj senti ĉe via koro la korbaton kies eĥo resonos tra la spacoj kaj la jarcentoj, kaj vi vin nomas sklavo! Stariĝu: vi estas homo!

Tremo fariĝis; la statuoj perdis sian ekvilibron neŝtareman. La du servutuloj falis bruege kaj fariĝis polvo. Sed estas eble, ke de tiu polvo iam naskiĝu nova skulptaĵo: tiu de la civitano liberigita; tiu de la estonta laboristo.

*Antonio Zozaya* hispane verkis

*Rimarkoj de la tradukinto:*

(1) Aro el tri litoj, kiujn uzis la romanoj por kuŝeti dum la manĝado; poste tiel alnomis la someran manĝejon.

(2) Ampleksa togo de magistrato borderita de purpura franĝo suben; ankaŭ uzis tian togon la nobelaj geknaboj.

(3) Visko estas parazita planto kreskanta sur diversaj arboj «filoj de la visko» estis alnomo por la tiamaj kristanoj.

(4) *Numidio* estis romana provinco, la nuna Alĝerio.

(5) Ergastulo (ergastulum) estis malliberejo, ĝenerale subtera, kiun havis preskaŭ ĉiuj romanaj kampodomoj por malliberigi la sklavojn kaj puni ilin.

(6) Monero de la romanoj.

---

# ALVOKO

Karuloj sentemaj,
Aŭskultu la diron:
De l' rusa la Gento
Vi aŭdu sopiron.



Infano malsata
Ploregas angore;
Amanta patrino
Suferas dolore.



Por kara la filo,
Ne havas ŝi nutron,
Ĉar brusto, la ŝia,
Nur havas jam putron.

Terura momento!
Ŝi vidas de l' filo
Baldaŭa la morton
Sur lia pupilo.



De l' knabo malgrasa
Ne tenas la mano
Tremema, senforta,
Peceton el pano.



Junulo malforta
En plankon, jen, kŭŝas;
La Morto tragika
Lin akre ektuŝas.



Forrabis malsato,
Malsato kruela,
La viajn vangrozojn...
Knabino tre bela!



De l' Volga popolo
La vivo aktuala
Martiro ja estas
Pro kaŭzo fatala.



La gentoj ankoraŭ
Heroe rezistas...
Ĉu en ni, Homaro,
Kompato ekzistas?



Alkuru ni, ĉiuj,
Kun nia almozo,
Ĉar estas bonfaro
Plej bela la rozo.

Homaro rapide
Praktiku fratamon,
Al rusa la Gento
Ni portu balzamon;



Balzamon efikan,
Balzamon de l' vivo;
Por tion alporti
Jam estas motivo.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# Usonaj bonfarantoj de la Homaro

R. A. Millikan elpruvas la ekzistadon de la *elektronoj*, kaj vidigas al la homa penso la esenca konsisto de la materio, izoligante la atomon, metante ĉi tiun en la teleskopan kampon, farante ĝin videbla kaj elkaŝante la sekreton de la universala eterna movado.

H. J. Gale devigis la sideran materion skribi ĝian historion sur spektroskopan lamenon kaj li direktas sian spiriton rajdantan sur lumradio almiliti la sunojn.

J. V. Nef demandas al infinito multe pli majeste ol *Pilatos*. Ĉi tiu demandis: «Kio estas la vero?» Kaj li ne trovis respondon. Nef demandas: «Kio estas vivi?» Kaj la organika ĥemio donas al li per eksperimenta tubo la formulojn klarigantajn la misteron pri la konscia vivo, dum Millikan ekzamenas tiujn de la materia vivo. Millikan venkas la atomon; Nef venkas la ĉelon.

T. C. Chamberlain, kies matematika analizo eltiras sian forton el la tero, kiel la giganto *Anteo*, ŝiras la vualon de *Isis* klarigante, tute komforme laŭ la leĝoj de la Geologio, la formadon, kiun li alnomas *planetesimal*, pri la Universo, kiu formiĝis per konstanta amasiĝado de malgrandaj masoj, starigante firme doktrinon, kiu detruas la gloran teorion nebulozan de Laplace.

E. B. Frost, la magia laboristo de la granda teleskopo de Yerkes, enprofundigas per ĝi sian vidon en la abismojn de la Kosmos kaj palpas la plej malproksimajn stelojn, mezuras iliajn orbitojn, kaj prezentas kun Barnard, per tuŝeblaj linioj, la ĝeneralan arĥitekturon de la Kosmos; 'i sekvas la kometojn spite de ilia rapida flugado. Kaj Burnham disigas la fiktivajn astrojn, deviigante ilin konfesi ilian individuecon. Ili estas la tri nelacigeblaj viglantoj de la humila ŝipeto, kiu flosas kaj nin kondukas, nesciante kie, tra la vastega maro atmosfera, plibone etera; ili estas la brilegantaj lumturoj de la moderna spirito, kiuj, preterpasante la limojn de ĉiu nova konstelacio, ondigas supren siajn laborejojn, la blankan flagon de la Scienco kiel se ili volus saluti frate la homarojn de aliaj mondoj. Ili estas tiuj, kiuj ĉiufoje pli diafanigas la ombran remparon de la senfina spaco; ili estas la kuraĝaj navigantoj de la nokto. «Dia nokto», diris Flammarion. De tiu nigra silento eliris la vero kaj la lumo. Sen la astronomiaj konoj, la homo estus restadanta altenita al la tera krusto, kiel la moluskoj al la submaraj rokoj. La homo vivus blindaj pro la sunlumego, kaj tute nekapablaj elkovri ion pri la ekstera mondo. La Astronomio, tamen, neniam estus naskiĝinta el tiu aera Oceano, se la belegan vualon de la tago, kaŝante la stelojn, ne estus disŝirinta la magia mano de la nokto. Kaj ĉi tiuj viroj estas kiuj ricevas pli mirigantaj sekretojn de la nokto, kiam kompense de iliaj oferoj la nokto malfermas por ili la pordon de la mistero kaj apartigas iomete la faldojn de ĝia ombra mantelo, kie la astroj elradiiĝas kiel diamanteroj.

Kaj jen granda famulo, Michelson, la glora fizikisto, la ĝis nun plej granda fizikisto de la homaro. El liaj multnombraj kaj gravegaj eltrovoj jen: li eltrovis la veran rapidecon de la lumo, kiu estas nuntempe la bazo de ĉiuj la modernaj kalkuloj pri la interplanedaj distancoj je bilionoj kaj trilionoj k. c.; li trovis la eksaktan ekvivalenton de la *yarda*, kaj tial tiun de la metro, multiplikante per konstanta cifero la longecon de la ondo de la kadmia vaporo en la vakuo kaj trairita de elektrero, pro kio li faris nenecese por la decimala sistemo metra ripeti estontan mezuron de la Meridiano; li estis unua, kiu konstatis, ke la moviĝanta materio pligrandigas sian mason, kaj la unua, kiu mezuris la translokumiĝantan movadon de nia suna sistemo.

Ĝenerale oni scias parkere preskaŭ la abomenindajn nomojn de la *grandaj mortigistoj*, kiuj buĉadis la Homaron, malhonorante la jarcentojn, kaj oni ne ŝparas solenojn por ili kaŭze de absurda admiro. Male, malmultaj homoj admiras kaj dankas la sindonemon de tiuj grandanimaj laboristoj, en kiujn rifuĝiĝis, kiel en varman neston, la scio de ĉiuj epokoj nutrantre kaj spertigante ilin, dum ili malfermas la irejojn al estonto.

Oni elĉerpis el hispana artikolo de

*Julio Senador Gómez*

---

# Esperanto en Bilbao

Hodiaŭ mi pasigis unu el la plej feliĉaj tagoj ĉar la ĉitiea grupo esperantista restarigas sian ejon. Post kelkaj tagoj komenciĝos la kursoj, du por komencantoj kaj unu superaj por sciantoj. Cent anoj subtenas la societon.

Por festi tiel agrablan tagon, festenis kvardek esperantistoj el Barakaldo kaj Bilbao.

Oni ne oratoris sed oni paroladis kaj eĉ kantadis nur en Esperanto de la dua ĝis la sesa horo. Nia pasero S-ro Elezcano elkonita kiel tia en nia Nuremberga postkongresa festeno kantis kaj trilis sendube kiel kardelo kaj foje kiel vera najtingalo. Nia samideano Díez tutscianta homo kiu tutsame parolas france aŭ germane kiel hispane aŭ Esperante ekakompanis per gitaro la kan-

tanton sed ravita de la Elezkanaj triloj silentigis iom post iom siajn akordojn per plibone aŭdi la kantanton.

Ni kantis diversajn kantojn, inter ili la Baskan Himnon sed per esperantaj strofoj. Oni ne bezonas diri ke ni kantis ankaŭ la esperantistan himnon.

Kiam estas pioniroj kiel Díez, Elizondo, Santa María kaj Larrea, Esperanto ĉiam antaŭeniros.

Mi volas ne silenti ke dum la tagmanĝo S-ro Larrea kriis al Elizondo «vegetarano ne manĝu porkajon» kaj ĉi tiu respondis: mi manĝas nur vegetajojn. Mi ne povis kontroli ĉi tion sed mi kredas al Elizondo eĉ sen konstato ĉar kiam li iras sur la strato oni vidas lin ĉiam profile.

Ĉe la fino de la festeno S-ro Santa María faris monkolekton por la malsatantaj rusoj.

Nia nuna adreso estas: Grupo esperantista.—Strato La Merced, 1.- Bilbao.

*Víctor O. de Allende*

---

## Esperantista Centra Oficejo

GRAVA AVIZO

La oficistaro de la Esp. Centra Oficejo konsistas nun el la solaj jenaj personoj, kiuj dediĉas tempon al la Oficejo, ekstere de siaj profesiaj okupoj:

S-roj Gabriel Chavet, ĝenerala sekretario de la K. K. K.; Barono F. de Ménil, ĉefadministranto, kaj Leono Agourtine (ĝenerala propagando); F-inoj G. Gérard kaj Ch. Gaillot (administraj laboroj).

Por faciligi kaj rapidigi la laboron, oni bonvolu adresi ĉiujn sendaĵojn laŭ la jena maniero:

*Esperantista Centra Oficejo*
*51, Rue de Clichy, Paris-9e*

La monsendojn oni adresos al la persona nomo de S-ro F. de Ménil, aŭ al lia poŝta ĉekkonto:

Paris 1er Arrondissement C. C. 8 60.

## Ĉu Hontemo?... Ĉu Hipokriteco?

– Ĉu vi aŭskultos mian kanton?
ĝi estos kanto poezia...
Nu, tuj eksonos kanto mia,
aŭskultu, do, vian amanton.

Mian amanton!... Sed ĉu vere?
—Jes, ĉar la veron diris mi;
kion mi diris kredu vi,
ĉar mi parolis tre sincere.

Ja, diru tion ĝis la fin',
sed per parol' mallaŭta, mola;
ho! diru tion al mi sola,
sed ke neniu sciu ĝin.

—Via pasi' fine venkinta,
eble montriĝos via koro;
la mia ne', ĉar mi, Sinjoro!
estas virin' edziniĝinta.

*Rafael de San Millán*

---

## NE PAROLU

En la januara numero de HISPANA ESPERANTISTO, aperis artikolo pri Teozofio, en kiu oni diras ke la devizo de tiu Scienco-Religio estas: *Ne Estas Pli Alta Religio ol la Vero.*

Notu ke per la unuaj literoj de tiuj vortoj oni formas la frazon *N. e. p. a. r. o. l. u.*, la ĉefa ordono de la sekretaj asocioj kaj de iaj monaĥaroj.

Oni ne devas sciigi al homoj pri iaj konoj ĝis kiam, pro evoluado kaj plibonigo, oni estu certa ke ili nur uzos tiujn konojn por bonfari la homaron kaj tute ne por egoistaj aferoj.

Nune, se homoj konus iajn sekretojn de la Naturo, ili uzus ilin por la milito kaj bal-

daŭ okazus la detruon de l' homaro. Dum estos milito, homo devas nescii multajn sekretajn fortojn.

Saĝuloj asocias por elserĉi tiujn naturajn fortojn kaj kaŝas siajn eltrovojn por ke ilia diskonigo ne domaĝu la homaron. Tial ekzistas sekretaj asocioj konataj de teozofiistoj, kies devizo estas *Ne parolu.*

Jesuo mem, kiu konis tiujn sekretojn de l' Naturo, konsilis ilian kaŝadon, kaj diris: «Ne ĵetu la lekantojn al porkoj» tio estas, «ne donu la belajn Verojn al ne evoluintaj estaĵoj». «Ne sciu via maldekstra mano (la profanoj) tion, kion faras via dekstra (la iniciatoj)». Li parolis per paraboloj por ke la iniciatoj komprenu, kaj la profanoj «aŭdante ne komprenu, kaj rigardante ne vidu»—kaj li kaj liaj disciploj faris mirindaĵojn.

De tempo al tempo, kiam homaro jam evoluis kaj plibonigis iomete, la sekretaj asocioj kaj la tutmondaj iniciatoj diskonigas iajn sekretojn. Ĉu nune la homaro meritas ke la Diino Isis levu sian vualon kaj malkovru sin iomete? Multaj teozofiistoj diras jese, kaj jen oni ekstudas ĉie la *okultismon*. Sed pri la cetero la malpermeso daŭrigas, *Ne parolu.*

*Fernando Redondo*

# AKADEMIO

Pro troa laborado, kiel redaktoro de grava Gazeto pri senfadena telegrafio, kaj ankaŭ tre senkuraĝigita de la reformemeco ĉe kelkaj, kiu sur ŝancelebla fundamento, malebligus ĉian firman konstruaĵon, D-ro Pierre Corret rezignis en la Akademio la Direktorecon de la Sekcio por la scienca kaj teknika Vortaro.

Ne forgesante la servojn de D-ro Corret kaj dankante lin, la Akademio decidis unuvoĉe komisii al S-ro Rollet de l' Isle, kiu akceptis, la taskon organizi kaj direkti, sub ĝia kontrolo la laborojn de la supredirita Sekcio.

Kiel sekretarion S-ro Rollet de l' Isle elektis S-ron C. Rousseau, aŭtoron de la «Poliglota Vademecum de internacia Farmacio».

Ĉiujn dokumentojn oni do bonvolu de nun sendi al S-ro C. Rousseau. 4, Place de la République, Levallois-Perret (Seine), Francujo.

*Th. Cart*, prez. de la L. K.

# Esperanto kaj Amikeco

La plej granda plezuro en la mondo estas, havi amikojn, kaj tiuj el ni kiuj estas Esperantistoj, trovas, ke tiu plezuro ne estas malpli granda pro la posedo de Esperantistaj amikoj kies patrolingvo estas malsama, ol la nia. Multe da belaj pensoj oni skribis kaj kantis pri la amikeco. Elbert Hubard diras: «La penso, havi amikojn kaj esti amiko, venas al ni, kiel plej alta beno. La amikeco estas preskaŭ ia religio... konfesi per sia vivado, ke, por havi amikojn oni devas mem esti amiko, tio estas religio.» Kiam oni ricevas leteron kun la varmaj vortoj de amikeco esprimataj en la «kara lingvo», tio efikas, kiel inspiro; oni sentas, ke li atingis la fundoŝtonon, sur kiu staras ĉia religio. Tiu ĉi lingvo estas la lingvo de la plej bona parto de ni. Ĝi estas la ora fadeno, kiu ligas la korojn de la tuta mondo.

Amikeco! Mistera cemento de l' animo, dolĉiganto de la vivo, kaj lutaĵo de l' socio.

Jes, de socio, kiu estas tiel vasta, kiel la mondo.

Nenio estas tiel higiena, kiel la amikeco. Niaj amikoj vidas nur la bonon en ni, kaj per tio mem ili eltiras el ni la plej bonan. Ni povas esti sinceraj en niaj leteroj; ni povas «pensi voĉe». Ni povas kuraĝi pli en la fratolingvo, ol en la patrolingvo, kiel ajn paradoksa ŝajnas tiu aserto. La leganto eble



MONSERRAT

memoras la versojn de Oliver Wendell Holmes:

«La lingvo havas du vualojn, kaj ŝirmate sub iliaj faldoj ni kuraĝas esti... ni mem, kaj ne l' alia memo, kiu kape signas, ridetas kaj babilas nianome; unu, la preĝo, donas plenliberon al la lango diranta al ĉielo niajn plendojn, pekojn; l' alia, poezi', per brila reto kovras parolon nian nudan, al ĝi kuraĝon donas.

Se la bonkora Amerikano nur vivus en nia tempo, li povus aldoni, ke oni povas kuraĝi en ankoraŭ alia lingvo. Estas gloro kaj ravo, povi elverŝi la amon, kiun ni sentas, kaj scii, ke ni havas volontan aŭskultanton, dank' al iu lerninta la dek ses simplajn regulojn de la Zamenhofa lingvo. Oni povas sugesti, ke ĉio ĉi odoras manko de amo al nia patrolingvo kaj manko de patriotismo. Sed mankas nek unu, nek la alia; ĉar mi certas, ke miaj malproksimaj korespondantoj dirus al vi, ke ili konkludas, ke la plej bona afero en la mondo estas, deveni de fortika Brita raso kaj loĝi en Aŭstralio.

Mia Germana korespondanto skribas al mi, ke li verkis artikolon pri Aŭstralio per



MONSERRAT

la informoj kaj fotografajoj, kiujn mi sendis al li. Bohema fraŭlino serĉadis en la librejo de Praha tradukojn de la romanoj de «Georgo Eliot», ĉar mi sendis al ŝi Esperantan artikoleton pri nia glora Angla aŭtorino. Rusa knabeto nun interesas sin pri la birdoj kaj bestoj de Aŭstralio pro bildo de ridanta birdo «kukaburo» sur Kristnaska karto sendita de mi. Same ni povas per la patriotismo de niaj korespondantoj koni la gloron de ilia literaturo, la belecon de iliaj arbaroj, kaj la grandiozon de iliaj historiaj urboj... kaj eble tio ne estas malbonefika je Aŭstraliano nekapabla pensi pri io ekster sia malvasta hejmvilaĝo!

Kaj tio certe devigas nin koni nian propran landon. Tiaj amikoj faras tiel multajn demandojn pri tiu ĉi por ili nekonata lando, ke oni devas akiri multajn informojn pri sia lando por ilin respondi.

*J. G. Pike*

Melburno, 1911.

Trad: *A. Delsudo.*

La Urba Oficejo por trafiko de *Wiesbaden* (Germanujo) ĵus eldonis belan ilustritan gvidfolion pri la Internacia Banurbo pro instigo de la wiesbadenaj samideanoj. Petu per poŝtkarto tuj specimenon kaj tiel vi havigos al vi la belan gvidfolion kaj helpos nian aferon, ĉar la Urba Oficejo por trafiko konscios tutplene pri la graveco kaj utileco de Esperanto.

# KAPOROMPILO

(TOSTO)

Intima rondeto solvas kaporompilon. Sur granda tablo troviĝas 1500 plej diversfiguraj lingnopecetoj.

Iom post iom aperas kvadratmetra bildo riĉe kolorita kun delikataj nuancoj. Niaj okuloj trairis revan landon: la bildo prezentas al ni tragikan momenton el Hamleto. Aktoroj ludas teatraĵon, reĝa frato enverŝas venenon en la orelon de l' reĝo kaj tiu ĉi neniam plu revenos en konscian vivostaton·

Tiu bildo unuafoje kortuŝis min per Esperanto, per traduko de nia glora Majstro.

Ĝi kondukis min al ideo pri tradukoj.

Lingvo kiu prezentas tian tradukon ne plu estas en ova evoluo, sed ĝi estas jam KULTURLINGVO.

Legu kaj relegu Hamleton, Ifigenion en Taŭrido, Faraonon, Interrompitan Kanton kaj tiun longan verkaron de nia esperanta Literaturo kaj ju pli vi penetros tiun trezoron des pli vi konvinkiĝos kiel grandioza estas la eltrovo de Zamenhof.

El miloj da lingvaj pecetoj kaj similiĝo de plej logika vivanta spirito: jen Esperanto.

Ĉu tiu estas homa verko?

Ni povas trankvile iri nian luman vojon.

Esperanto estas plenforta viva estaĵo!

*Felikso Díez*

Bilbao.

# Paroloj de Felikso Díez

Okaze de la inaŭguracio de la ejo de la Grupo de Bilbao jen iuj paroloj de lia prez.: «Hodiaŭ ni ne bezonas longajn paroladojn. Niaj koroj sentas la saman ĝojon; nial okuloj brilas pro la sama inspiro; ni salutis unu la alian en nia HEJMO, kaj ni esperas, ke la ŝaŭmo de nia entuziasmo kristaliĝos en senhalta progreso de nia sankta ideo.

»Jarojn ni travivis kiel senhejma infanaro, la varmo de nia idealo, reaperante pli forte el cindroj de la milito, kunigis nin ree; la verda stelo pli hele lumas kaj tradiciaj muroj iom post iom falas.

»Plej grava okazintaĵo por ni estas la morto de nia Majstro, sed tamen Zamenhof vivas en niaj animoj; lia verko kreskas kaj floras ĉie; lia revo efektiviĝos... Ankaŭ foriris kun li nia entuziasma sekretario Coll kaj pioniroj Echevarría kaj Saŭren.

»Kiam lacaj, vi karuloj, frostos en tia soleco ĉirkaŭanta homon meze de bruaj urbostratoj, venu en nian hejmon, karesu fremdan libron kaj legu paĝojn verkitajn de frato, kies doloron vi ne komprenus, se ne per Esperanto.

»Kiam larmoj el nia animo fluos tra batanta koro, rigardu ni dian ĉielon stelarornamitan; nia preĝo sub verda standardo senŝarĝigos nian bruston, kaj la ĉarmo de l' vivo rebrilos en niaj vangoj karesataj de ama sento. Esperanto plibeligos niajn horojn ĝis eterna ombra sonĝo ĉirkaŭbrakos nin.

»Restu ni, ĉiuj, fidelaj ĝis tiam, dum koro sentos kaj cerbo pensos, dum sangogutaro brulos en niaj vejnoj, estu ni Esperantistoj; «nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj» timigu nin.

»Kaj ni preparu nin al unua hispana Kongreso okazonta proksiman jaron en Bilbao. Ni pruvu nian grandan *volon*; se ĝi estas bona, la sukceso estos ankaŭ glora.»

★ ★ ★

# ESPERANTO EN LYON

Sesafoje depost 1917 Esperanto havis propagandan ekspozicion ĉe la Foiro de Lyon 1-15 marto) en budo 12 de l' grupo 47 en la nov konstruita Palaco. Kiel kutime tiu ekspozicio estis aranĝita sub direkto de S-ino Farges, direktorino de la Esp.-Oficejo kaj nun Delegitino de U. E. A., kaj enhavis riĉan materialon, kiun ŝi pacience kolektis dum pli ol 15 jaroj: propagando, instruado, literaturo, gazetoj, komerco, turismo, S. F. P. E., U. E. A., k. a. Bedaurinde S-ino Farges, malsana, en lito, ne povis mem ĉiutage kaj tuttage deĵori; ŝin anstataŭis samideanoj, sed ne tiel kompetente, kaj eble la rezultatoj ne egalvaloros tiujn de antaŭaj jaroj. Oni tamen disdonis milojn da propagandfolioj, vendis centojn da ruĝaj broŝuroj kaj kolektis dekojn da adresoj de personoj dezirantaj ĉeesti kurson.

Inter multaj, eĉ fremdaj, Esperantistoj vizitintaj la budon, la plej eminenta estas S-ro Archdeacon, kun sia tre afabla edzino, kiu longe admiris la realigeman agadon de la Komitato de la Foiro: la Palaco de la Foiro, nun apenaŭ trione konstruita, jam entenas 1.000 budojn en 12 kvaretaĝaj pavilonoj kunigitaj per tegmentita larĝa strato. Krom tiuj 1.000 budoj, aliaj estas en betonaj aŭ provizore en lignaj dometoj; ĉe tiu Printempa Kunveno 2.205 firmoj okupis 2.314 budojn. La malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj iom post iom malaperas, kaj la negocado fariĝis tiun jaron ankoraŭ pli intensa ol antaŭen. *Nun* la Komitato de la Foiro *korespondas* en Esperanto; skribu al ĝi: Comité de la Foire, Hotel-de-Ville, Lyon; sed ne petu reklamilojn en Esperanto, kiuj ne estas jam eldonitaj.

La naturscienca «Société Linnéenne de Lyon» (1) kalkulas pli ol 500 membroj en plej diversaj landoj de l' tuta mondo, kaj baldaŭ festos sian centjaran jubileon. Ĝi akceptas uzi Esperanton por faciligi la interŝanĝojn kaj la korespondadon. Ĝi sendas al ĉiuj siaj membroj duonmonatan bultenon (en kiu petoj kaj proponoj pri interŝanĝoj de naturscienc aĵoj povas esti senpage presataj en Esperanto) kaj jaran volumon, kiu enhavas plej diversajn studojn pri floroj, fungoj, insektoj, papilioj, konkoj, mineraloj, k. a. Kotizoj (10 fr. fr.) kaj informpetoj estu adresataj al S ino Farges, Del. de U. E. A., 36 rue Victor Hugo, Lyon.

Laŭ decido de antaŭa konferenco en Bruxelles dum junio 1921, okazos Internacia Konferenco pri Ĥemio en Lyon de la 28 junio ĝis la 2 julio 1922. La partoprenantoj ĉefe studos kaj decidos pri: internaciaj laboratorioj por scienca kontrolo de nutrokomercaĵoj kaj de manĝaĵoj; determino de atompezoj; *unuformigo de l' terminaro;* leĝoj pri internacia higieno. Grandaj vulgarigaj paroladoj estos organizataj por instrui la publikon pri la ĥemiaj progresoj. Fine okazos vizitoj de fabrikejoj, ekskursoj (ŝipveturado sur Rhone de Lyon ĝis Avignon). La Esperantistoj, kiuj intencas partopreni tiun Konferencon, bonvolu sin turni al S-ro Poncet, membro de L. E. K. A. kaj I. S. A., en la Esperanto-Oficejo, 36 rue Victor Hugo, Lyon.

*L. P.*

(1) Linné: fama sveda natursciencisto de la 18-a jarcento, aŭtoro de botanika klasifiko.

# TRAFA PAFO

## (Rakonto de M. Hemry W. Longfellow)

Iam estis knabeto tre lerta pafisto per ĉiaj pafiloj, ĉiam senĉese pafcelante ĉion, kion li vidis. Eĉ dum la manĝado li pafadis ĉu en la sonorilon, ĉu en la katon, ĉu en la muŝojn. Apud ĉe li, vivis birdino, kies neston entenis kvin idetojn, kiuj ne fermis siajn beketojn de la taggiĝo ĝis la sunkuŝiĝo. Penege flugadis la birdino tra la kampo, tra la arbaro, sur la vojoj saltetadis, kaptante

vermojn, insektojn kaj ĉion manĝeblan por la idaro. Estis rimarkinda la manĝemego de la birdidoj, ĉar tio, kion ĉiutage la patrino alportis al ili, estus sufiĉa porplenigi la neston. Tamen, ĉion ili englutadis kaj eĉ ankoraŭ petis pli.

Tagon, la patrino, kaptinte grandan vermon kaj ĝin portante al la idoj, haltis sur muron momenton; la knabo ĝin vidis, li ĝin ĉelis kaj pafis, kaj li trafis la birdinon. Ĉi tiu sentis grandan doloron, kaj dezirante flugi al la nesto, ĝi falis ĉe la piedo de la arbo sur kiu estis la nesto. Tiam ĝi ekpepis dolore, eble por esprimi la malfeliĉan okazintajon; sed la idaro ne komprenis kaj senpacience pepadis atendante la nutrajon. Aŭdante la pepadon de la idoj, ĝi pene denove volis flugi al ili, sed vane, ĉar la knabo rompis per la kugleto unu el ĝiaj flugiloj. Tiel ili pasigis la tagon: ĝi, pepante ĉiufoje pli angore; la idoj, silentante kiam alproksimiĝis la knabo. Je la sunkuŝiĝo, ĝi ne aŭdis la idaron, ĉi tiuj ne povis ĝin aŭdi, ĉar ĝi estis mortinta; kaj je la mateno ĝi estis malvarma kaj rigida, kun la okuloj en la neston, kie la idaro estis mortantaj pro malsato.

Proksiman nokton frostis; la birdidoj ne havis la varmon de la patrino kaj antaŭ la taggiĝo ĉiuj estis mortintaj. La pafinto povas sin senti fiera je sia heroajo, ĉar li mortis ses birdojn per sola pafo. Ĉu vi lin konas, legu al li ĉi tiun rakonton.

---

# La 3.ª Foiro en Praha

La 3.ª foiro okazis la 1 sept. La foiro pruvis, ke ĝi estas kapabla kunvenigi sufiĉe da seriozaj interesuloj.

Inter la eksterlandaj vizintantoj estis reprezentataj de preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj, plie Turka, Palestina, Japana, Amerika kaj Nordafrika landoj.

La nombro de ekspoziciigantoj atingis 2.274, kelkaj el la landoj Germana, Aŭstra, Franca, Jugoslava, Svisa, Hispana, Alĝera, Angla, Dana, Nederlanda kaj Amerika.

La plej gravajn negocojn atingis la elektroteĥnika kaj tekŝaja industrioj. Peltajoj, maŝinoj, aŭtomobiloj, ledajoj, ledogalanteriajoj, nutrajoj, likvoroj, sukerajoj, ĉokoladoj, marmeladoj, keramikaj artikloj, vitrajoj, artikloj de Jablonec (Gablonz), sportartikloj, ludajoj, muzikinstrumentoj, ktp., estis negocataj.

La foiro estis sukcesplena en komercoj tiel ekster-kiel enlandaj.

La lasta foiro montris plene internacian karakteron, tiufoje akcentitan per Esperantismo, ĉar interne de la oficiala pavilono troviĝis kelkaj Esperantaj informejoj.

Sendube la peresperanta propagando de l' foiroj prosperige influos la historion de l' Esperantismo, enpenetrigonta la utiligon de Esperanto en la komerca korespondado.

4.ª Foiro: 12-19 marto 1922.

5.ª Foiro: 3-10 septembro 1922.

Por propagandi tiujn venontajn foirojn, la foira oficejo dissendas afiŝojn kaj broŝurojn en Esperanto kaj eldonigas ankaŭ Esperantan bultenon.

---

# BIBLIOGRAFIO

Gvidlibro de Gerona. La grupo de Gerona «Ĝerona Espero» eldonis tre koncizan libron pri la glora urbo, pri ĝiaj artajoj; de ĉi tiu vidpunto, kiel de tiu pri ĝia historio, estas bedaŭrinda la koncizeco de la verko de S-ro Jozefo María Dalmaŭ, ĉar ĝi estas arta muzeo kaj plena je gloro. La teksto—18 paĝa, 12 × 21 cm.—sufiĉe bone plenumas la taskon kun la ilustrajoj. Ĝin eldonis la Grupo okaze de la IX.ª Kongreso de Kataluna Esp. Federacio.



«Mondo kaj koro». Poemoj de K. de Kalocsaj. -Tiu ĉi verko estas poemaro plena

je granda poezio, altegaj pensoj, belaj ideoj kaj genia filozofio.

Iam la verkisto rimas vortojn kiuj finiĝas simile sed ne same. Ekzemple: Vivo – monsoifo, naiva – sensoifa, kadavro – sabro, blinda—paliĝinta. La aŭtoro ne ĉiam multe zorgis pri la versofarado. Tial mi ne diros ke ĉiuj detaloj de tiu verko plaĉas al mi; sed la tuton mi multe ŝatas.

Resume: Laŭ mia opinio S-ro K. de Kalocsay vere estas poeto. kaj la poeziamantoj plezure tralegos lian verkon. —*R. de S. M.*

★

**Kursa Lernolibro** laŭ praktiko parola metodo de D-ro Edmond Privat, Privat-Docento ĉe la Ĝeneva Universitato, 12 × 16 cm., 79 paĝa, bona papero kartonita, eldonita de Esperanto-Verlag, Berlin S 59. Prezo por Hispanoj kaj bonvalutaj landoj 13,50 germanajn markojn. Jen por instrui Esperanton la plej bonega libro, ne estas, ke la recenzisto ĉi tion diras; atestas kaj konstatas la diron ne la famo de la aŭtoro, jes, la numero de la eldono, KVARA ELDONO 13a - 17a MILOJ), ĉu vi komprenas? Kion recenzisto povas diri? Nur la jenon: instruu per ĉi tiu lernolibro tial ke la rezultato de longa spertado sankciis ĝin.

**Karlo** de la sama aŭtoro, samformata, 44 paga kun antaŭparolo de la famkonata Esperantistino Marie Hankel estas unu el la juveloj plej belaj de nia literaturo; ĉiuj Esperantistoj devas posedi la romanon, kiu, laŭ diras la sperta verkistino de la antaŭparolo estas bonega, simpla, eleganta kaj tute klasika», kaj per ĝi ankaŭ oni lernos multe de la vidpunkto de profundaj sentoj puraj. Gin eldonis la sama eldonejo kaj la prezo por bonvalutaj landoj estas 7,50 g. mk.

---

# NEKROLOGIO

En Vendrell ĵus mortis la patro de la entuziasma pionirino de Esperanto F-ino Maria Julivert, kaj ni esprimas al ŝi kaj al ŝia familio plenkoran kondolencon.

Ni perdis S-ron Rafael Pordo, unu el plej viglaj pioniroj de Esperanto en Valencia regiono. Li estis klera nacia instruisto en Castellón. La perdo doloras la tutan hispanan Esperantistaron, kiu kondolencas la familion.



La 14.an mortis, ankoraŭ juna, nia karega kunlaboranto Angel Novejarque, grandanima kunhelpanto de la sperta kaj nelacigebla pioniro de Esperanto S-ro Augusto Jimbnez Loira, fondinto de «La Suno Hispana». S-ro Angel Novejarque estis vera *Zamenhofano*, ĉar lin plene regis «interna ideo»; klera, inteligenta, bonkora kaj sindonema li estis. Li verkis tre spritajn ŝaradojn, ĉiajn spritludojn, hieroglifojn kaj ŝakproblemojn por multenombraj ĵurnaloj, gazetoj kaj revuoj, kaj li atingis meritritan mondfamon pro tio. La hispana Esperantistaro funebre vestas kaj esprimas sian koran doloron al la estiminda familio de la mortinta pacamanto.

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

Ĝenerale la enlanda movado aktiviĝas pli kaj pli: Andaluzia Federacio entuziasme restariĝis kaj en ĵus okazinta kunveno en Sevilla oni elektis la jenan Komitaton, post diskutado, interparolado kaj interkonsento pri ĉio favora sukcesigi Esperanton per vigla ĉia agado: Prez. S-ron F. Serrano Olmo el Córdoba, Vicp. S-rojn Casto Vilar García el Sevilla kaj Roberto Marauri el San Fernando, Sek. S-ron Rogelio Luque el Córdoba, Vicsek. S-ron Carlos Martínez el Sevilla, Kas. S-ron Petro Naranjo el Jerez, Voĉdanantoj S-rojn Gaudencio Vázquez el Nerva, José Garzón el San Fernando, Isidoro Díaz el Tocina, Antonio Mármol el Villanueva de las Minas kaj Juan Anguita el Jaén. La ga.

zetaro de Jerez konstante propagandas nian lingvon: la oficiala organo de la laboristaro por konstruarto «El Constructor» de la 22.a de Marto aperigas instigon Esp-hispane por ke la laboristoj alprenu Esperanton. La Ateneo de ĉi tiu urbo helpas nian aferon kaj ĝi permesis instali Esperantan Ekspozicion tre kompletan (Gazetoj, libroj, poŝtkartoj, katalogoj kaj ceteraj esperantaĵoj, kaj moneroj kaj bankbiletoj el multenombraj landoj formas la Ekspozicion) kaj ĝin inaŭguris S-ro Garzón (el San Fernando) per elokventa parolado pri *Utileco de Esperanto.*

La Vaska Federacio antaŭen rapide iras al sukceso; ĝiaj pioniroj ageme laboras kaj kvankan ili jam eĉ eklaboris por okazigi la I.an Iberian Kongreson de Esperanto je 1923, ili konsentis transdoni, por kaj pro la bono de nia afero, la rajton al samideanoj de Valencio por ke ĉi tiuj kune kun ceteraj pioniroj de Levantina Federacio organizu la I.an nian. Tiel okazos, ĉar ankaŭ Levantina Federacio fervore kaj vigle agadas kaj niaj valenciaj kunlaborantoj bonege sukcesis jus per enkonduko de kurso en la Universitato kaj en la Specimena Foiro de Valencio; valenciaj samideanoj organizos la Kongreson okaze de la festoj organizotaj de la Komitatoj de la Specimena Foiro kaj de tiu de la Kongreso de la Aragona Krono. La Specimena Foiro de Valencio estos tre grava kaj la tutmonda Esperantistaro devas konigi al komercistoj kaj industriistoj, ke ili povas sin turni por siaj aferoj Esperante al la Foira Komitato.

La Esperanta Klubo Palma, de Palma de Mallorca, atingis de la urbestraro monhelpon da 250 pesetoj por subteni la esperantan laboron de la Klubo.

Nia sperta malnova samideano kaj grava pioniro de la Kataluna Esperanto Federacio, S-ro Pujolá atingis de la Komitato de la Specimena Foiro de Barcelona standon por Esperanto. Ĉi tio estas grava sukceso, ĉar en la Foiro la stando estis vizitata de multenombraj personoj, krom la Esperantanoj, kaj oni disdonis propagandfoliojn kaj esperanto ŝlosilojn.

En Cadizo niaj samideanoj laboradas senĉese, kaj la gazeto «El Pueblo» aperigadas artikolojn propagandantajn nian aferon. Kaj S-ro Jozefo Ventura en la Universitato de Valencio sukcese daŭrigas la kurson, kiun ĉeestas precipe nombraj instruistinoj.



EKSTERLANDA

En Holandujo aperis dum la jus pasinta jaro proksimume 600 artikoloj pri Esperanto sur la enlanda gazetaro; en la sekcio de la Turista Unuiĝo Holanda, kun ĉeesto de la ĉeĥoslovaka ambasadoro, S-ro Insbrücker faris paroladon pri la Praga Kongseso kun lumbildoj, en Hago; la ministro de Instruado nomis S ron Sevenhuysen sia reprezentanto por la ĝeneva konferenco pri Esperanto en lernejoj; oni klarigas tian kurson en la Popola Universitato de Rotterdam, kurson por fervojoficistoj en Groningen, kaj alian por poŝtoficistoj en Scheveningen.

En Belgujo la Reĝa Societo de Fotografaj kaj Sciencaj Studoj de Antwerpen eldonis esperantlingvan regularon ĉar ĝi organizas Internacian Ekspozicion de Fotografarto en tiu ĉi urbo por proksima aŭgusto (petu la regularon per poŝtkarto: Caisse postale 763). Novaj kursoj malfermiĝas en la lando. En Verviers, la urba konsilanto S-ro J. Pirnay atingis ke Esperanto estu enkondukita en la urkaj popollernejoj superaj nedevige.

En la Reĝa Instituto Navigacia de Bari (Italujo), oficiale oni klarigas Esperanton; en la Popola Universitato de Roma ankaŭ oni klarigas Esperanton. Kaj same okazas en la Universitato de Tartu, post decido de la estraro.

La Rumana Esp. Societo jus reorganiziĝis, kaj en Transilvanio okazas kursoj en kelkaj urboj. La sekcio de Gefle (Svedujo) de la Sveda Societo de Komercvojaĝantoj voĉdonis, je decembro lasta, favore por Esperanto, kiel efika lingvo por la komerco. La ministerio por fervojoj de Japanujo aranĝis esperantan kurson por fervojoficistoj en

Tokio, kiu ĉeestas 180 lernantoj. La Esp. Societo de Odense (Danujo) konsistante el 170 membroj, vigle laboras. 200 lernantoj ĉeestas la kursojn; la urba biblioteko havas esperantan fakon, dank' al laboro de ĝia prezidanto S.ro M. N. Carslen, direktoro de la Komerca Lernejo; en Kobenhavn okazis parolado pri la Praga Kongreso, kun ĉeesto de la ministro ĉeĥoslovaka kaj de la sekretario de la ambasadorejo. La ĉeĥoslovaka ministro por la poŝto ordonis starigi listojn pri poŝtoficistoj sciantaj kaj lernantaj Esperanton; kaj tiuj de internaj aferoj kaj de la milito, en Hungarujo, rajtigis kapitanon Kethelyi organizi kursojn de Esperanto por la oficiroj kaj policistaro. En Zagreb, Jugoslavio, okazas kurso en la Scienca Fakultato, kaj kapitano Branco Sirola, profesoro de la Navigacia Lernejo aktive propagandas en Bakar, kaj ĝenerale la movado reviviĝas.

Okaze de la elekto de nova prezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro, prezidis kunvenon la ministro de Komerco, kaj la prezidinto parolis laŭde pri Esperanto kaj rimarkigis estas necese alpreni ĝin por la komercaj rilatoj.

Kolonelo Honse, konata diplomato, eksmembro de la amerika delegitaro ĉe la paca konferenco, aperigis sur «Public Ledger» (Philadelphia) de la 23 de januaro, artikolon pri la neceso de helpa lingvo, kaj li tute neŭtrale en ĝi ekzamenas la ŝancojn de Esperanto kaj de la latina lingvo, kaj konstatante la facilecon de Esperanto, li finas: «Tamen, ĉu Esperanto, ĉu la latina lingvo, antaŭen ni, kaj ankoraŭ unufoje progreson en la civilizacio al la fina celo»

En Litovio sukcese iras nia afero, kaj la litovaj samideanoj jam havas sian gazeton «Litova Stelo»; en Ukmerge antaŭ unu jaro ne estis Esperantistoj kaj jam oni fondis grupon kaj ĝi celis enkonduki la lingvon en la Gimnazion, kies estraro akceptis kaj demandis por oficialigo nedeviga de la decido al Ministro de Instruado, kiu respondis favore kaj eĉ dekretis doni du leccionojn pagatajn. Ĉi tiu sukceso kuraĝigos samideanojn de aliaj litovaj urboj por sekvi saman vojon.

La Komerca Ĉambro de Worms respondis al demando de Germana Esp. Asocio, ke ĝi sekvas interese la Esp-movadon de Germana Esp. Asocio, ke ĝi sekvas interese la Esp-movadon, ke ĝi konsideras nepre necesa lingvon helpan por la Komerco, kaj ke Esperanto estas taŭga, kaj pro ĝia facileco kaj taŭgeco, ĝi rekomendas Esperanton por la komercaj interrilatoj.

La «Ligo de l' Komerco» de Brazilio, la sesan de februaro, decidis la jenon: «La Ligo de l' Komerco de Rio Janeiro, konvinkite, ke la lingvo Esperanto solvis praktike la problemon de la helpa internacia lingvo, montriĝante en siaj multaj aplikoj, speciale en la komercaj rilatoj, kiel ilo kapabla plenumi la celojn de facila interkompreno kaj de popola alproksimiĝo, decidas: Rekomendi insiste la lernadon de Esperanto en la Komercaj lernejoj kaj institutoj.»

La oficejo de la Internaciaj Foiroj de Reichenberg, Ĉeĥoslovakio, ricevis de firmo el Maroko komercan leteron en kiu ĝi aldonante demandas, kial via entrepreno ne uzas Esperanton? Ni faris bonegajn spertojn uzante ĝin por la korespondado. Estus tre efika kaj helpus ege al nia movado, se ĉiuj firmoj kiuj jam uzas Esperanton, aldonus ĉi tiun demandon al komercaj leteroj kiujn oni sendas eksterlandon. (Rimarko. La Foiro de Reichenberg posedas jam oficialan Esperanto-Fakon.)

La Oficejo de la Foiro de Reichenberg respondas al demandoj en naciaj lingvoj per Esp., se la demandinto ne esprimis la dezison ricevi la respondon en nacia lingvo kaj se en la urbo estas grupo aŭ Del. de U. E. A. La firmo havas la eblecon tradukigi la respondon kaj ĝi vidas, ke grandaj entreprenoj jam praktike uzas Esperanton. La spertoj estas bonegaj. La plej multaj korespondantoj eksterlandaj poste respondas per Esperanto. Se la foira kontoro ion deziras de eksterlandano, tiam ĝi kompreneble korespondas per nacia lingvo.

Jen du imitindaj ekzemploj elprovitaj,

per kiuj la firmoj kaj entreprenoj uzantaj Esperanton bonege povas helpi la disvastigon de la internacia komerca lingvo Esperanto.

En Kopenhago (Danujo) la Esperanta Unuiĝo de Instruistoj aranĝis ekspozicion en la Lerneja Muzeo, per kiu oni celis montri la jam abundajn kaj riĉajn instruilojn de Esperanto, nian gravan literaturon, kaj aplikitan vivon (komerco, turismo, scienco, gazetaro, k. t. p. Ankaŭ okaze de la ekspozicio oni faris kvar paroladojn. La ekspozicio kaj la paroladoj altiris la atenton ĉies kaj la movado ricevis grandan antaŭenpuŝon.

La Esperanta movado en Kubo forte vekiĝas. Dank' al laborado de la Esperantista Grupo de la Asocio de komizoj oni fondis «Kuba Esperanto Asocio», kiu disvastiĝos en la tuta lando, unuigante la Esperantanojn de Kubo por plej efika laboro.

Esperanto antaŭeniras kaj S-ro Benes, ĉeĥoslovaka ministro estis tre prava, kiam okaze de nia XIII.a, li diris: «Ni ne ridu plu pri Esperanto, la ĉeĥoslovaka popolo komprenos ke ĝi ne estas utopio, sed granda progreso tre interesa por la tuta homaro.» Kaj ceteraj popoloj iom post iom komprenas la pravan diron.





Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid